16-a jaro. – N-ro 4-5 (182-183) Aprilo-Majo 1930




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA KOTIZO KUN ABONO : Fr. 30,—
EKSTERLANDO : Belgoj 6.—

ANTVERPENO
1930

ENHAVO. — Belga Ligo Esperantista. Ĝenerala kunveno en Lieĝo. — 19a Belga Esperanto-Kongreso. Programo. Informoj. Aliĝilo. — La Reĝlando Belgujo. — Komitata Kunveno de la Belga Ligo. Protokolo. — Belga Kroniko. — Gratuloj. — Nekrologo. — Programoj de la Grupoj. — 22a Universala Kongreso. — Universala Ekspozicio de Antverpeno. — Radio-Statistiko. — Diversaj Informoj. — Bibliografio.

# 19a BELGA ESPERANTO-KONGRESO

*LIEĜO, 7-10 Junio 1930*

## ALIĜILO

sendota kiel eble plej baldaŭ al S-ro René Dechesne,
1, rue Ernest Solvay, Sclessin-Lieĝo. Poŝtĉeko 2799.81

Subskribint(in) o : Nomo kaj antaŭnomo : ............................

strato : ..........................................................................................

urbo : .......................................... Provinco : ............................

aliĝas al la 19a Belga Esperanto-Kongreso kaj pagas al via poŝtĉek-konto nº 2799.81.

| | |
|---|---|
| Por Kongreskarto ............................................ | Fr. 15,— |
| Por festenkarto ............................................ | Fr. 40,— |
| Por lunda komuna tagmanĝo ............................ | Fr. 25,— |
| Por enirkarto de la ekspozicio ............................ | Fr. ....... |
| Por la loĝado (kiom da noktoj ?) ........................ | Fr. ....... |
| Por la marda ekskurso ........................................ | Fr. 65,— |
| | Fr. ...... |

petas ke vi bonvolu rezervi ĉambron de Fr ............. kun...... lito......
por ........ personoj, por li/ŝi kaj por la jenaj personoj :

..........................................................................................

..........................................................................................

..........................................................................................

..........................................................................................

..........................................................................................

..........................................................................................

kaj sciigas, ke li/ŝi deziras viziti la Universalan ekspozicion je la tago :

..........................................................................................

Dato : ........................... 1930. Subskribo : ....................

16a JARO N-ro 4-5 (182-183) APRILO-MAJO 1930.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Direktoro : FRANS SCHOOFS, 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen, Telefono 943 74

Abonopagoj kaj aliaj Monsendoj al : Poŝtĉeko No 1337 67 de BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj** : M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER S-ino L. FAES H. PETIAU. F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, H. VERMUYTEN.

**Ekspeda Servo** : FR. COOL. O. VAN DYCK.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

### ĜENERALA KUNVENO.

Gento, la 15an de majo 1930.

Estimataj Geliganoj,

Ni havas la honoron inviti vin por ĉeesti la Ĝeneralan Kunvenon de « Belga Ligo Esperantista », kiu okazos en Lieĝo, dimanĉon 8an de Junio proksima, je la 11a matene en la Universitato.

**TAGORDO :**

1. Malferma alparolo de la Liga Prezidanto.
2. Raporto de la Ĝenerala Sekretario.
3. Raporto de la Kasisto.
4. 22a Universala Kongreso en Oksford.
5. U.E.A. agado en 1929. Raporto de la Ĉefdelegito.
6. Nia estonta agado. Organizo de la Liga laboro.
7. Diversaj komunikaĵoj.

---

Ni faras varman alvokon al ĉiuj niaj Gesamideanoj por ke ili ĉeestu multnombraj nian jaran kunvenon kaj profitu tiun okazon por viziti la Lieĝan ekspozicion, kiu sin anoncas kiel grandega sukceso.

Por ebligi bonan organizadon de la kongreso kaj precipe la loĝadon, ni insiste petas, ke oni tuj sendu sian aliĝon.

Esperante grandan ĉeestantaron, ni prezentas al vi la esprimon de niaj plej sindonemaj sentoj.

Je l'nomo de « Belga Ligo Esperantista ».

La Ĝenerala Sekretario, Henri PETIAU. — La Prezidanto, Frans SCHOOFS.

# 19a BELGA ESPERANTO-KONGRESO

*LIEĜO, 7-10 de Junio 1h30*

Ni havas la plezuron sciigi, ke **S-ro Louis Pirard, Provincestro de Lieĝo,** akceptis la **Altan Patronecon** de nia 19a Nacia Kongreso de Esperanto.

Krom tio bonvolis akcepti la titolon de **Honora Membro :**
**S-ro Xavier Neujean,** Urbestro de Lieĝo,
**S-ro Jules Duesberg,** Rektoro de la Lieĝa Universitato,
**S-ro Georges Moressée,** Ĝenerala Direktoro de la Lieĝa Ekspozicio;
**S-ro Isi Delvigne,** Direktoro de gazeto « La Wallonie »,
**S-ro Joseph Demarteau,** Direktoro de « La Gazette de Liége »,
**S-ro Désiré Horrent,** Direktoro de « Le Journal de Liége ».

## PROGRAMO DE LA KONGRESO.

**Sabaton, 7an de Junio :**

16 h. : Malfermo de la Akcept-oficejo en « Café Vénitien » (unua etaĝo) place de la République Française, apud la Reĝa Teatro;

20 h. : Kunveno de la Liga Komitato (Konstantaj kaj Grupaj delegitoj);

21 h. : Ĝenerala Labora Kunsido de la membroj de la Ligo, kun tute libera tagordo.

**Dimanĉon, 8an de Junio :**

9 h. : Ĝenerala rendevuo en la Akceptejo ;

10 h. . Oficiala akcepto de la kongresanoj en la urbdomo ;

11 h. : Ĝenerala solena kunsido de « Belga Ligo Esperantista » en aŭditorio n° 9 de la Universitato (Filozofio kaj Beletristiko);

Poste, fotografado de la kongresanaro sur la ŝtuparo de la Universitato;

13 h.30 : Festeno en la Akceptejo ;

Poste : Laŭvola vizito en la urbo aŭ en la ekspozicio ;

20 h. : Arta vesperfesto (Teatrajo, kantoj kaj muziko) en « Vénitien ».

**Lundon, 9an Junio :**

9 h. 30: Rendevuo en la Akceptejo por grupete viziti la ekspozicion;

12 h. : Kuniĝo ĉe la ekspozicia elirejo por iri al komuna tagmanĝo en Hotelo « Vénitien » ;

14 h. : Vizito al la ekspozicio (Norda parto).

Vespermanĝo kaj amuziĝo ev. en Café Napoli en la ekspozicio.

**Mardon, 10an Junio :**

Ekskurso per luksaj aŭtobusoj en la Ardenoj. Foriro de la Akceptejo je la 8a h. Vojplano : Lieĝo, Chaudfontaine, Trooz, Louvegnée, Theux, Pepinster, Verviers, Ensival, Béthane, Gileppe barmuro, Eupen (tagmanĝo), Baraque Michel, Mont-Ruggi, Malmédy, Stavelot, akvofalo de Coo, Fonds de Quarreux, Remouchamps, valo de l'Ourthe, Esneux, Seraing, Lieĝo.

## DIVERSAJ INFORMOJ.

**La kongreskarto** kostas po Fr. 15,—. La Loka Komitato petas, ke la partoprenontoj baldaŭ havigu al ĝi sian aliĝon.

**La Festeno de dimanĉo** kostas po Fr. 40,— (sen taksoj kaj servo **La lunda komuna tagmanĝo** kostas po Fr. 25,—.

**Vizito de la ekspozicio** : Fr. 10,— por tritaga karto. Rabatkarto por unu vizito al ambaŭ sektoroj : Fr. 5.—.

**Marda ekskurso** kun tagmanĝo en Eupen : Fr. 65,—.

**Vespermanĝo en « La Bella Napoli »**: Fr. 20 aŭ 30.

**Fervojo. Rabatbiletoj.** — La kongresanoj ĝuos rabaton de 35%, de la 7a ĝis la 11a de Junio, kaj povos unuope veturi. Grupa veturado do ne estas postulata. Por akiri la fervojan rabaton ili, tuj post aliĝo, ricevos specialan karton prezentotan en la stacidomo, je la aĉeto de la bileto.

**Loĝado : La prezoj por loĝado estas : Fr. 15, 20, 25, 30, 40 ĝis 50,—** por ĉiu persono kaj por ĉiu nokto. La kongresanoj bonvolu mendi la loĝadon senprokraste.

Pro malmulteco da loĝejoj dum la Pentekostaj tagoj, precipe ĉi tiun jaron pro la ekspozicio, estas tre urĝe ke la kongresanoj donu la necesajn informojn pri tio. Ĉambroj por 1, 2, 3 aŭ 4 personoj povos esti havataj je prezoj komunikitaj ĉi supre. Bonvolu indiki kiun prezon vi elektas ; ĉu vi nepre deziras loĝi 1e en hotelo, 2e en aparta ĉambro, 3e en aparta lito, 4e en Lieĝo mem (aŭ ĉu apuda komumumo eventuale taŭgus). Indiku ankaŭ por kiuj noktoj loĝejo estas bezonata kaj bonvolu sendi la monon samtempe. Ni tre insistas por ke vi faru la necesaĵon plej frue, ĉar ni ne povos garantii la loĝadon al la kongresanoj, kies mendo kaj pago alvenos al ni post la 26a de Majo.

**Vizito de la Ekspozicio.** — Por ebligi la faron de la specialaj enir-kongreskartoj ĉiu kongresano bonvolu indiki kiujn tagojn li deziras viziti la ekspozicion. Oni sendu tiujn informojn plej malfrue la 25an de Majo.

**Ekskurso.** — Plej baldaŭa enskribo estas dezirata.

**Pasportvizo.** — Laŭ informo de la ekspozicia oficejo, la alilandanoj, kiuj estas ankoraŭ submetataj je la formaleco de la vizo, kaj kiuj deziras ĉeesti la kongreson, povos ricevi senpage, prezentante sian kongreskarton kaj regulan nacian pasporton, pasportvizon validan por la eniro en Belgujon kaj la ĉi tiea restado dum la daŭro de la kongreso.

**Aliĝilon** la membroj trovos en ĉi tiu numero.

Aliaj informoj eventuale aperos en nia Junia no, kiu venos antaŭ la Kongreso.

La L. K. K. kaj la Komitato de la Ligo ne dubas, ke multaj membroj profitos la okazon de nia kongreso por viziti la Universalan Ekspozicion de Lieĝo, kiu sin anoncas kiel brila sukceso.

Ili ne forgesu, sendi hodiaŭ sian aliĝilon!

**ĈIUJ AL LIEĜO JE PENTEKOSTO !**

# LA REĜLANDO "BELGUJO"

*Ĝia aspekto kaj ĝia vivo nunaj*

Post la iom ampleksa historia klarigo, kiun ni donis pri la Reĝlando Belgujo, estas tempo, ke ni ekzamenu ĝian aspekton kaj ĝian vivon nunajn.

Per niaj antaŭaj artikoloj, jam evidentiĝis la situo de la lando, kiu estas limigata **Norde** de Holando; **Oriente** de la holanda Limburgo, de la germana Rejnlando, kaj de la ĉefduklando Luksemburgo; **Sude** de Francujo, kaj **Okcidente** ankaŭ de Francujo kaj de la Norda Maro, kiu disigas ĝin de Britujo.

Ĝia teritorio, kiu havas la formon de rekta triangulo, kies baza flanko estas turnata al Francujo, estas granda je **30.000 kvadratkilometroj.** La klimato, entute influata de la Norda Maro estas mara, kaj preskaŭ daŭre malseka. Ĝia grundo apartenas al la du grandaj geologiaj regionoj de Nord-Eŭropo : la **hercinia montamaso,** kiu naskis la Ardenojn, kaj la **granda Nordebenaĵo,** kiu etendiĝas de la Norda Maro ĝis en Rusujo.

Laŭ la alteco kaj la naturo de la grundo, oni, liniante de Sud-Oriento al Nord-Okcidento, povas dividi Belgujon en tri bone difinitaj regionoj :

1. **La Alta Belgujo** enhavas la tutan provincon Luksemburgon, kie renkontiĝas la plej altaj pintoj, proks. 675 m. grandan parton de la provinco de Namuro kaj la sudan de la provinco Lieĝo. La grundo tie estas neriĉa. Tie precipe vidiĝas arbaroj, erikejoj kaj ordinare malsekaj paŝtherbejoj. Tiu altebenaĵo estas profunde dissekciigita de longaj kaj mallarĝaj valoj, el kiuj la longa valo de la Mozo estas la plej impona.

Je la limo de tiu alta Belgujo etendiĝas unu el la plej riĉaj karbminejaroj de Eŭropo, nome la orienta parto de la granda franc-belga baseno. Tiuj minejoj dividiĝas en la basenoj de Mons, en la valo de la Heno, tiu de Charleroi, en la valo de la Sambro, kaj tiu de Lieĝo, en la valo de la Mozo.

2. La **Meza Belgujo** estas kunmetata el la altaj ondaj ebenaĵoj de Henegovio, Brabanto, la norda parto de Namuro kaj la okcidenta de Lieĝo. La klimato tie estas malpli severa ol en la alta Belgujo kaj malpli malseka ol en la malalta. La grundo estas kovrata de dika ŝlimsternaĵo. Ĝi estas la laŭ agrikultura vidpunkto plej riĉa parto de la lando. Precipe tie ĉi kreskas la tritiko kaj aliaj grenoj, la sukerobeto, k. c.

3. **La Malalta Belgujo,** kiu entenas preskaŭ la tutan nordan parton de la lando, havas tre malaltan grundon, kiu, je iuj punktoj, eĉ lokiĝas pli malalte ol la marnivelo. La regionoj estas tial tre malsekaj, same kiel la klimato. Kaj kompreneble, ili estas tre senfruktaj. Oni tamen devas dividi ilin en kvar subregionoj:

a) Nord-Oriente la **Kempenlando,** kiu estas ankoraŭ ĉiam senfrukta kaj enhavas grandajn erikejojn kaj malriĉajn paŝtherbejojn.

b) Centre, **la Waeslando,** kiu jam estis prilaborita de la kulturistoj kaj donas nun bonajn legom-rikoltojn.

c) Sud-Okcidente, la **Flandria ebenajo,** kiu jam delonge estas fruktigita, kaj kies grundo iĝis bonega, precipe por la akiro de la lino kaj de la betoj, kies kulturo starigis specialajn industriojn en tiu ĉi parto de la Lando.

d) Okcidente, **la mara ebenajo,** kiun la homoj drene forprenis de la maro, kaj kiu iĝis bona bredada regiono.

Post tiuj mallongaj klarigoj pri la strukturo de la grundo en Belgujo, ni povas same resumi la dividojn de la lando, ne plu laŭ la konformiĝo de la ebenaĵoj kaj de la altajoj, sed laŭ la administraciaj decidoj de ĝia loĝantaro.

Ni jam uzis kelkajn nomojn de provincoj. Ni rediru la nomojn de la **naŭ provincoj,** kun la ĉefloko en ĉiu el ili, kune ĝia surfaco kaj ĝia loĝantaro :

| Provincoj : | Ĉefloko : | Surfaco : | Loĝantaro : |
|---|---|---|---|
| Antverpeno | Antverpeno | 2.832 km² | 1.158.752 |
| Brabanto | Bruselo | 3.283 km² | 1.661.684 |
| Okc. Flandrio | Bruĝo | 3.234 km² | 880.900 |
| Ori. Flandrio | Gento | 3.000 km² | 1.134.291 |
| Henegovio | Monso | 3.772 km² | 1.262.702 |
| Lieĝo | Lieĝo | 3.876 km² | 962.664 |
| Limburgo | Haselto | 2.412 km² | 358.453 |
| Luksemburgo | Arlono | 4.418 km² | 222.749 |
| Namuro | Namuro | 3.660 km² | 353.363 |
| | | 30.447 km² | 7.995.558 |

El tiuj ciferoj evidentiĝas, ke Belgujo estas la lando, kiu havas la plej densan loĝantaron de tuta Eŭropo, kompare al sia surfaco. Meze, estas efektive proks. 265 enloĝantoj per kvadratkilometro. Tio nur estas ebligata per la apudesto de la vilaĝoj, kiuj laŭlonge de la vojegoj kaj la riveroj kuŝas unu apud la alia, kaj per la granda nombro de urboj, inter kiuj kelkaj, eĉ laŭ monda vidpunkto, iom gravaj.

Laŭ la oficialaj statistikoj, la plej granda urbo en Belgujo estas Antverpeno kun pli ol 300.000 loĝantoj. Laŭ aglomeracia vidpunkto tamen unue estas citota Bruselo, la ĉefurbo, kiu mem nur enhavas 211.000 loĝantojn, sed kiu kun la suburboj atingas unu milionon da loĝantoj. Antverpeno sekvas, kun proks. 500.000 enloĝantoj, tiam Lieĝo kun 169.000 kaj Gento kun 162.000, ambaŭ lastaj sen antaŭurboj.

**La ok milionoj da loĝantoj** de Belgujo parolas tri lingvojn. Unu el tiuj ĉi tamen nur estas parolata de malmultaj Belgoj, nome la germana, kiu estas uzata en kelkaj vilaĝoj je la orienta limo de Luksemburgo, de Lieĝo kaj en la nova distrikto de Eŭpen.

Ĉiuj aliaj uzas **ĉu la flandran, ĉu la francan lingvon** : iom pli ol la duono la unuan, nome en la provincoj de Okcidenta kaj Orienta Flandrio, de Antverpeno, de Limburgo kaj en la norda parto de Brabanto; la alia

duono parolas la francan, nome la loĝantoj de Lieĝo, Luksemburgo, Namuro, Henegovio kaj la suda parto de Brabanto. Verdire, tiuj ĉi lastaj hejme kaj inter si parolas la valonajn dialektojn, kiuj estas latinidaj lingvaĵoj. La beletristika lingvo, tiu de la administrado kaj de la gazetaro tamen estas por ili la franca lingvo.

**Laŭ religia vidpunkto** la Belga leĝaro respektas ĉiujn religiojn, kaj ne ekzistas ŝtatreligio. Tamen nekontraŭdireble nur unu religio efektive disvastiĝis en la lando, nome la katolika, al kiu fakte apartenas la plimulto el la Belgoj. Hebreaj kolonioj ekzistas ekz. pro la diamant-industrio, en Antverpeno, ankaŭ malgrandaj protestantaj kolonioj ekvivis en diversaj lokoj, sed laŭ la nombro ili ne estas gravaj.

Ĉiuj Belgoj, ĉu flandroj aŭ valonoj, katolikoj, ali-aŭ senreligiaj, tamen estas estrataj de la samaj leĝoj, kiuj valoras pas la tuta Lando.

En Belgujo, kiu estas konstitucia reĝlando, ekzistas tri bone disigitaj povoj :

**La leĝdona povo**, kiu kunmetas la leĝojn;

**La rega povo**, kiu ekfunkciigas la leĝojn;

**La juĝa povo**, kiu devas solvi ĉiujn disputojn kaj malkonsentojn inter la individuoj, aŭ inter individuoj kaj la ŝtataj organizajoj kaj leĝoj.

Laŭ la Konstitucia Leĝo tiuj povoj estas starigitaj jene :

1. **La Leĝdona povo** apartenas kune al la Reĝo, al la Deputitaro kaj al la Senato.

2. **La Rega povo** apartenas al la Reĝo, kiu ĝin plenumas kun la helpo de ministroj, kiujn Li nomas kaj eksigas. La nombro de la ministrejaj fakoj povas varii. Ĝi nuntempo estas 12 : nome, de Eksteraj Aferoj, de Justeco, de Enlandaj Aferoj kaj de Higieno; de Agrikulturo; de Sciencoj kaj Artoj; de Financoj; de Publikaj Laboroj; de Industrio, Laboro kaj Socia Antaŭvido ; de Trafiko ; de Nacia Defendo ; de Kolonioj, kaj de P. T. T.

3. **La juĝa povo** apartenas al la kortumoj kaj tribunaloj, kiuj estas kunmetitaj de konsilantoj kaj juĝistoj, nomataj por la daŭro de sia vivo. Jen kelkaj pliaj detaloj pri la funkciado de tiuj povoj :

Ĉiuj viraj Belgoj, kiuj je la 19a jaro de sia aĝo devas soldatiĝi dum 10 aŭ 12 monatoj, havas je 21-jar-aĝo, voĉdonrajton por la ŝtataj, provincaj kaj komunumaj elektadoj. Plie por la komunumaj elektoj, la virinoj ankaŭ rajtas voĉdoni.

**Ŝtataj institucioj** : estas la Deputitaro, kiu enhavas nun 187 membrojn, elektitajn ĉiujn rekte de la popolo, po unu por 40.000 enloĝantoj, kaj la Senato, kiu enhavas 93 senatanojn rekte elektitajn, por 4 jaroj, po unu por 80.000 enloĝantoj, plus 40 provincaj senatanoj, elektitaj de la provincaj konsilantaroj, kaj 20 elektitaj de la Senato mem. Entute 153 membroj, al kiuj « de jure » oni devas aldoni la princojn, filojn de la Reĝo.

La Ŝtataj aferoj estas prizorgataj de **Ministraro**, kies membroj

nomitaj de la Reĝo por nedifinita daŭro, aperas en ambaŭ Ĉambroj, sed kiuj ne necese devas esti parlamentanoj. Ĝi apogas en la Ĉambroj sur plimulto, kiu aprobas la budĝetojn kaj ebligas la normalan vivon de la Lando.

**Provincaj institucioj** : estas la naŭ provincaj konsilantaroj, kiuj enhavas de 50 ĝis 90 membroj laŭ la nombro de la loĝantaro, kaj estas elektataj rekte de la popolo, en specialaj elektadoj, por daŭro de 4 jaroj.

La provincaj aferoj estas prizorgataj de **Provincestraro** (Konstanta deputitaro), kunmetita el ses membroj, elektitaj post la elektadoj, de la Provinca Konsilantaro mem por la tuta daŭro de interelektada periodo, do por 4 jaroj. La prezidanto de la Provincestraro estas la provincestro (gouverneur), kiu ne apartenas al la Konsilantaro kaj estas nomata de la Reĝo. Li reprezentas la Reĝon kaj eventuale devas apelacii apud la ministro de Enlandaj Aferoj, pri kontraŭleĝaj aranĝoj aŭ decidoj de la provincestraro.

**Komunumaj institucioj** : estas la komunumaj konsilantaroj, kiuj enhavas ĝis maksimume 45 membroj, laŭ la nombro de la loĝantaro, kaj kiuj estos elektataj rekte de la viraj kaj virinaj elektantoj 21-jaraĝaj, por daŭro de 6 jaroj.

La komunumaj aferoj estas prizorgataj de **urbestraro,** kunmetata el la urbestro, nomita de la Reĝo en aŭ ekster la konsilantaro, kaj de maksimume 6 skabenoj, elektitaj je la komenco de leĝdona periodo por la daŭro de tiu ĉi, de la konsilantaro mem. La urbestro kundecidas kun la skabenaro, kaj do ne apelacias, kontraŭ eventualaj decidoj ĝiaj. La provincestraro estas komisiita kontroli la komunumajn decidojn kaj eventuale apelacii apud la ministro de Enlandaj Aferoj.

En la komunumoj kun malpli ol 5.000 enloĝantoj, la agoj de la vilaĝestraro estas kontrolitaj de **distriktestro,** nomita de la Reĝo, same kiel la provincestro, ekster kiu ajn politika partio. Kvankam ne necese, la urbestroj, eĉ kiam ili ne apartenas al la konsilantaro, estas ordinare politike konataj personoj, kiuj ekster sia urbestra laboro rajtas partopreni la politikan vivon, kaj esti membroj de la Parlamento, same kiel la aliaj urbaj konsilantoj. Tion tamen ne rajtas provincaj konsilantoj, kiuj, se ili estas elektataj en la Parlamento, devas rezigni sian postenon de provinca konsilanto.

Laŭ juĝa vidpunkto en Belgujo ekzistas :

**Pacjuĝejoj** en ĉiu subdistrikto. La nomo mem diras la signifon kaj la specon de kontestoj, kiujn tiuj juĝistoj devas ekzameni.

**La unua-gradaj tribunaloj** : en ĉiu distrito, kunmetitaj ĉiam el 3 juĝistoj. Civile ili konas ĉiujn aferojn, kiuj ne speciale per la leĝo estas rezervitaj al aliaj tribunaloj. **Laŭ punjuro,** ili punas la deliktojn. **Kiel apelacia tribunalo,** ili konfirmas aŭ malkonfirmas la juĝojn de la pacjuĝistoj.

**La Apelaciaj Kortumoj** : nur ekzistas en tri lokoj : nome en Bruselo, por la provincoj de Antverpeno, de Brabanto kaj de Henegovio; en

Gento, por la du Flandrioj kaj en Lieĝo, por Lieĝo, Limburgo, Namuro kaj Luksemburgo. Ili konfirmas aŭ malkonfirmas la juĝojn de la tribunaloj unuagradaj kaj komercaj. Tiuj ĉi lastaj tribunaloj povas esti starigataj en ĉiuj lokoj kie necese estas. Komercistoj mem estas de la Reĝo nomataj por funkcii kiel komercaj juĝistoj.

**La Kasacia tribunalo** : nur ekzistas en Bruselo, sed ĝi ne okupas sin pri la fundo de la afero. Ĝi nur konstatas, ĉu la juĝo de la antaŭa tribunalo estis konforma al la Leĝo, se ne, ĝi resendas la aferon al simila tribunalo aŭ kortumo.

Krom tio ekzistas **la Krima Kortumo,** en la ĉefurbo de la naŭ provincoj. Ili estas estrataj de tri juĝistoj, kiuj tamen ne juĝas. La krimoj efektive estas punataj de neprofesiaj juĝantoj, kiuj por tion fari devas nepre esti dekduopaj. Krimulo ne rajtas apelacii kontraŭ ordono de la Krima Kortumo, ĉar tiu ĉi estis farita de la samrajtuloj de la kondamnito, de la popolo mem. Nur la Kasacia Kortumo rajtas resendi la aferon antaŭ la Krima Kortumo de alia provinco, pro malbonformo de la juĝo.

---

Dank'al la bonega kaj regula kunlaborado de tiuj tri povoj, Belgujo, kiu laŭ komerca kaj industria vidpunkto povas esti danka al la Naturo, pro la malavara maniero laŭ kiu tiu ĉi disdonis al ĝi la naturriĉaĵojn, disvolviĝis en la lastaj cent jaroj, laŭ neesperitaj proporcioj.

Precipe **la fervoja kaj la mara kaj riverega politiko** de la registaro dum la cent jaroj de sendependeco multe helpis.

En la historiaj klarigoj, ni jam citis la fakton, ke Belgujo, la unua sur la kontinento, inaŭguris fervojon de Meĥleno al Bruselo. De tiam **la fervojaro ampleksiĝis** kaj en ĉiuj gravaj direktoj estas internaciaj fervojlinioj : de l'Nord-Okcidento al Sud-Oriento (Londono-Ostendo, Bruĝo-Gento-Bruselo-Namuro-Arlono-Basel) ; de l'Nordo al la Sudo (Amsterdam-Antverpeno-Bruselo-Mons-Parizo kaj Bruselo-Namuro-Givet), de l'Okcidento al Oriento (la Maro-Bruselo-Lieĝo-Kolonjo). Krom tio, la denseco de la loĝantaro, la apudesto de la vilaĝoj, necesigis la konstruon de multaj naciaj fervojoj, kaj granda nombro de intervilaĝaj tramvojoj. Ni nur konstatu por fiksi la ideojn, ke, sur surfaco de 100 kvadratkilometroj, Belgujo posedas 17 km. da fervojoj, kiam Britujo nur posedas 12, Francujo 11, Germanujo 9 kaj Usono 4. La multnombreco de la fervojaj rilatoj, al kiuj oni en la lastaj jaroj devas aldoni multajn aŭtobusliniojn, ebligas tre rapidan interkomunikadon inter la Belgoj de ĉiuj regionoj, kaj estas fakto, ke komercisto povas iri en unu tago al kiu ajn loko de Belgujo, trakti siajn aferojn, kaj reesti vespere en sia hejmo-urbo. La ĉefurbo Bruselo, estas efektive nur je duono da horo de Antverpeno, je unu horo de Gento, de Mons de Namuro, kaj maksimume je du horoj de la plej malproksimaj urboj Arlono kaj Ostendo.

Krom tiu densa fervoja reto, **Belgujo disponas pri same densa river-reto, kiu, dank' al la faritaj laboroj, estas preskaŭ entute ŝipveturebla,**

kaj kiu estas ankoraŭ pliampleksigita pro la fakto, ke multaj kanaloj interrilatigas la riverojn de la diversaj basenoj.

Belgujo je basena vipunkto dividiĝas en kvin partoj, kiuj ĉiuj apartenas al la marbaseno de la Norda Maro. Tiuj kvin partoj estas la riveregbaseno de la Skeldo, de la Mozo, de la IJzer, de la Rejno kaj de la Sejno.

Pri tiuj ĉi du lastaj ni diru, ke la Rejnobaseno nur enhavas tre malgrandan parton de la lando, nome de la provinco Luksemburgo, je la limo de la ĉefduklando, kaj ke tiu de la Sejno, nur entenas same malgrandan terpecon, en sud-okcidenta parto de Henegovio.

Al la antaŭecitita, la IJzer-baseno, kiu verdire ne estas riverego, sed nur mara rivero, apartenas ampleksa parto de la Okcident-Flandrio. Pro la milito tiu mara rivero iĝis fama, kaj la eksterlandanoj ĝin eble plej bone lokigos sur karton.

La du basenoj, kiuj entenas do vere la plej grandan parton de la lando estas la baseno de la Skeldo kaj de la Mozo.

**La Skeldo** elspruĉas en Francujo, sur la platajo de St. Quentin kaj enfluas Belgujon, en Henegovio. En tiu ĉi provinco kuŝas laŭlonge de ĝi Antoing kaj Tornako; en Orient-Flandrio : Oudenarde, Gento, Dendermonde (Termonde), poste ĝi formas la limon inter la provincoj de Antverpeno kaj de Flandrio, kaj alvenas al Antverpeno, kiu estas la plej grava haveno de la Lando, la nura cetere, kiu laŭ internacia vidpunkto gravas. Se la lando nur posedas unu gravegan havenon, kaj se ekzemple la marbordo ne prezentas tiajn, tiu unu nura havas tamen speciale honorindan lokon en la internacia haventabelo. De Antverpeno, la Skeldo fluas Norden al Holando, kie ĝi enspruĉas la Nordan Maron en du brakoj. La tuta longeco de la Skeldo en la lando estas 207 km.

**La Mozo** same elspruĉas en Francujo, sur la platajo de Langres, apud Verdun. Ĝi envenas Belgujon, supre de Givet, en la provinco de Namuro. En la provinco de Namuro kuŝas laŭlonge de ĝi Dinant kaj Namuro, ĝi sin direktas al Lieĝo, renkontas Huy, Lieĝon kaj Visé, enfluas la Holandan Limburgon kaj en tri brakoj, el kiu unu fluas laŭlonge de Roterdamo ; la Mozo enfluas en la Nordan Maron En Belgujo ĝi havas longecon de 185 kilometroj.

Kiel dirite, multaj kanaloj estis fositaj por unuigi diversajn naturajn riverajn vojojn aŭ por ebligi la facilan alveturon de la varoj industriaj de iu speciala loko al la plej apuda natura akva vojo. Dank'al tiuj kanaloj kaj al la kanaligoj de diversaj ne ŝipireblaj riveroj, kelkaj havenoj malpli gravaj ol Antverpeno, ekstariĝis kaj krom Lieĝo kaj Gento, kiuj kuŝas sur la riveregoj, ni citu Bruselon, Bruĝon, Nieuport'on Zeebrugge al kiu estas aldonota la mara haveno de Ostendo.

Kelkajn flankojn de la Belga vivo, kiujn ni nur en tiu ĉi ĝenerala klarigo ektuŝis, ni ree priparolos en specialaj ĉapitroj, kiuj rilatos al komerco, industrio, haventrafiko, kolonio, artoj kaj la beletristiko.

Maur. JAUMOTTE.

# BELGA LIGO ESPERANTISTO

Kunveno de la Komitato

Bruselo, la 23an de Marto 1930.

## PROTOKOLO.

La kunsido malfermiĝas je la 10 h. 30 sub la prezido de S-ro Frans Schoofs, Liga Prezidanto, kiu salutas la ĉeestantaron kaj deziras al ĝi koran bonvenon.

Ĉeestas : konstantaj delegitoj: S-ino Elworthy-Posenaer, S-roj Babilon, Schoofs kaj Oscar Van Schoor; grupaj delegitoj : **Aalst :** S-ro De Kegel; **Antverpeno :** S-roj Jaumotte kaj Faes; **Bruselo :** D-ro Kempeneers; **Gento :** S-ro H. Petiau; **Lieĝo :** Kap. Moncousin; **Liero :** S-ro J. Leflot; **Sclessin :** S-ro Dechesne; **Thienen :** S-ro Dewolfs; **Verviers :** S-ro Hérion; membrino de la juĝantaro pri profesora kapableco: F-ino M. Jennen; de la Gazetara Servo : S-ro Edg. De Coster. Poste : konstanta kom. : D-ro W. Van der Biest; grupaj del. : **Haselto :** S-ro R. Van Genechten; **Nieuwpoort :** S-ro L. Braet.

**Senkulpigis sin :** S-ro L. Champy, konstanta kom., L. Cogen, vicprezidanto Liga, S-roj Desonay, Oger, kaj la grupoj el Bruĝo, Kortrijk, Ronse (S-ro De Boes).

## TAGORDO :

**1. Akcepto de novaj grupoj.** — La aliĝoj de la novaj grupoj el Haselto, Loveno kaj Nieuwpoort estas unuanime akceptataj. La Prezidanto gratulas S-rojn Van Genechten kaj Braet pro ilia bona laboro kaj deziras al ilia grupo longan kaj prosperan vivadon en plena akordiĝo kun Belga Ligo Esperantista. S-ro Dekeyser, prezidanto de la restarigita grupo de Loveno, senkulpigis sin pro neantaŭvidita malhelpo.

**2. Elekto de sesa konstanta komitatano.** — La prezidanto proponas, ke D-ro W. Van der Biest, kiu antaŭe jam okupis tiun postenon, estu elektata por la loko, kiu vakas pro la morto de S-ro J. Parotte. La grupaj delegitoj unuanime elektas la kandidaton nomitan, kiu tuj, post gratulo esprimita de la prezidanto, partoprenis la laboron de la Komitato.

**3. a) Situacio de la Ligo.** — La antaŭenirado de la Ligo estas kontentiga; tri novaj grupoj jus aliĝis kaj pluraj aliaj baldaŭ fondiĝos. Finance, la situacio povus esti pli bona; tamen, malgraŭ la konstanta plialtiĝo de la preskostoj kaj aliaj, la jaro 1929 finiĝis kun nur malgranda deficito. La jaro 1930 plibone prezentiĝas kaj antaŭvidigas bonan rezultaton.

**b) Difino de la jarkotizo.** — La jarkotizo de B. L. E. estas unuanime fiksita jene : izolaj membroj Fr. 30,—, izolaj familiaj membroj : Fr. 15— (sen la revuo); grupaj membroj: Fr. 12,50, grupaj familiaj membroj Fr. 2,50 (sen revuo). La izolaj membroj, kiuj tuj repagos sian kotizon, povas ankoraŭ profiti la malnovan tarifon. Post la unua de Julio la nova tarifo estos valida. Estas dezirinde, ke la grupoj de nun apliku la novan tarifon.

c) **Rea organizo de dua kunveno de la Liga Komitato.** — Laŭ propono de la Ligestraro estas unuanime decidate, ke la direktanta Komitato de B. L. E. kunvenos ree du fojojn ĉiujare, principe en Aprilo kaj Oktobro.

Ĉi tie la prezidanto komunikas, ke la Ligestraro kunvenas 5 foje ĉiujare, kutime en Februaro, Majo, Julio, Septembro kaj Decembro.

**4. Proksima nacia kongreso en Lieĝo.** — S-roj Moncousin, Hérion kaj Dechesne, respektive Prezidanto, Vicprezidanto kaj Sekretario-Kasisto de la L. K. K., konigas la kongresprogramon, kiu estas plej alloga. La organizantoj faras alvokon por ke oni aliĝu kiel eble plej baldaŭ.

**5. Ekzameno de la sintenado de la Ligo rilate al la lingvo nacia uzata dum la oficialaj akceptoj.** — La Prezidanto klarigas la sintenadon de la Ligo rilate al la oficialaj akceptoj, kiujn organizas por ni la urbestraroj okaze de niaj naciaj kongresoj. Li klarigas, ke antaŭ la milito la Ligo decidis, okazigi la kongresojn laŭvice en la flandra kaj en la valona parto de la lando; samtempe ĝi decidis ke ĝi faros sian eblon, por ke ĉe la oficialaj akceptoj en urbodomoj estu uzata la flandra lingvo en la flandra regiono, kaj la franca lingvo en la valona parto. Li akcentas, ke ĝis nun la Ligestraro sekvis tiun regulon.

Okazis, ke urbestraroj ne sekvis la deziron de la Ligestraro, klarigante ke ili havas sian propran protokolon pri tiaj akceptoj en kiuj partoprenas Belgoj el ambaŭ regionoj kaj eksterlandanoj. Ekzemple en Gento, pasintan jaron, la urbesto de tiu urbo akceptis nin franclingve. La Prezidanto de la Ligo respondis franclingve, ĉar kiel akceptato li havas nenian motivon, ne havis la rajton respondi en alia lingvo ol tiu uzata de la gastiganto.

Post la kongreso komenciĝis, pro tiu fakto, de la flanko de neligaj Esperantistoj, agado kontraŭ ni, sub preteksto, ke Belga Ligo estas respondeca pri la okazintaĵo, kaj kulpigante la Ligestraron pri kontraŭflandrema laboro. Tiu agado estis akcentita per tre akraj artikoloj en nova gazeto kun tute malkaŝe montrita politika tendenco, atakantaj persone la gvidantojn de la Ligo.

Kvankam la Ligo dum kaj post la kongreso de Gento neniam ricevis iun oficialan plendon pri la aludita afero, la Prezidanto deziras ke la Komitatanoj pridiskutu la temon denove, esprimu sian malkaŝan opinion pri la ĝisnuna konduto de la Ligestraro kaj decidu ĉefe pri la jenaj principaj demandoj : 1e ĉu estas utile por la propagando, daŭrigi la ĝisnunan kutimon pri peto de oficiala akcepto ĉe la urbestraroj; 2e Kiam la urbestraro ne plenumas nian deziron pri la lingvo uzata en la urbodomo, ĉu tiam la Ligestraro devas rezigni la akcepton, aŭ ĉu la Liga Prezidanto devas tamen uzi la nacian lingvon laŭ la deziro de nia Ligo.

La Ligestraro opinias, ke tiun ĉi lastan solvon ni nepre ne povas akcepti, ĉar tiam ni starigus politikan agon, kiu estas ekster la celo de nia organizaĵo. Cetere, eĉ se iu urbestro farus ion neregulan nia nur

poresperanta societo ne havus mision atentigi aŭ riproĉi lin pri tio; tio estus la afero de la Skabenaro, de la urba konsilantaro aŭ de la tuta elektintaro de la koncerna loko, aŭ eventuale de liaj superaj aŭtoritatoj.

El ĉiuj agoj kaj skriboj de la nin kontraŭantaj personoj rezultas klare, ke la tuta batalo de ili iras kontraŭ ĉio, kio havas nomon « belga », kaj ke ĝi havas pure politikan tendencon.

**S-ro Petiau konfirmas,** ke en Gento li faris ĉion eblan por ke tie la akcepto okazu flandralingve. Li aldonas, ke, por klarigi la situacion la Liga prezidanto kaj li iris al la grupo de S-ta Nikolao, pri kiu estis skribite en la ĉi supre aludita organo, ke tiu grupo eksiĝis el la Ligo. El tiu kunveno rezultis, ke ne ekzistas iu oficiala pruvo, nek konfirmo pri tiu t.n. eksiĝo, pri kiu la prezidanto de la grupo nenion sciis. La politikema spirito de kelkaj elementoj tieaj malebligis ĉian interkomprenigon.

La **Prezidanto** komunikas, ke en la komenco de Aprilo li iros kun S-ro M. De Ketelaere al la grupo de Kortrijk, kie ankaŭ estis disvastigitaj neveraĵoj kaj kalumnioj, pri kiuj li donas klarigojn al la kunveno.

**S-ro Oscar Van Schoor,** konstanta komitatano, farinte deklaron pri lojala flandremeco, opinias, ke same kiel en la estinteco, la Ligestraro devas klopodi por respektigi la flandran lingvon, kiam temas pri oficialaj akceptoj en la flandra parto de la Lando. Tamen « charbonnier est maître chez lui » : se iu urbestraro havas protokolon, kiu antaŭvidas la uzon de la franca lingvo, tio ne devas esti kialo por ne iri al la urbodomo, kaj la Ligestraro devas konformiĝi al la protokolo de la loka urbestraro. En la kunvenoj de la kongreso mem, oni, kompreneble, kiom eble plej multe uzu nur la internacian lingvon.

**S-ro Schoofs** respondas, ke en niaj propraj kunvenoj ni uzas nur Esperanton.

**S-ro Van der Biest,** konstanta komitatano, legas raporton, kiun li submetis al la aprobo de la Brusela grupo, kiu unuanime ĝin akceptis.

Laŭ tiu raporto la kritikoj kontraŭ la Ligestraro estas ĉu personaj, ĉu politikaj, ĉu lingvaj. Personajn kritikojn ni ne tro multe devas atenti: ĉie, kie iu laboras, vere laboras, li, iumomente, renkontas malfacilaĵojn. La Belga Lig-Estraranoj montris, ke ili valoras la fidon de la membroj de la Ligo.

Je politika vidpunkto, por eviti malkontentigi iujn, la Ligestraro eble povus eviti tiujn agojn, kiuj povus krei malkonsenton. Tia ago estas ekzemple la sendado de telegramo al la Reĝo dum kongreso. Ne nur la belgaj rojalistoj, sed ĉiuj kiuj loĝas inter la limoj de Belgujo rajtas esti membroj de la Belga Ligo.

Je lingva vidpunkto, la Komitato povus komisii eminentajn Esperantistojn, kiuj ĝis nun ne estis miksitaj en la disputoj, por klopodi serĉi interkonsenton inter la membroj de Belga Ligo kaj la gvidantoj de la flandrema movado.

**S-ro M. Jaumotte,** delegito de « La Verda Stelo », Antverpeno, diras ke estas erare, ke S-ro Van der Biest konsideras la sendadon de tele-

gramo al la Reĝo kiel politikan agon. Se estas vere, ke ĉiuj kiuj enloĝas la geografian teritorion Belgujo povas esti membroj de Belga Ligo Esp., estas same vere, ke en 1831 tiuj enloĝantoj en sia plej granda plimulto, elektis Reĝon kaj dekretis, ke Belgujo estos Reĝlando. Ĝis nun neniu nova plimulto ŝanĝis tiun situacion. Sendante do telegramon al la Reĝo je festokazo, ni nur lasas nin gvidi per la sintenado de la plimulto de la Belgoj. Kiam aŭ se tiu plimulto iam ŝanĝus nian nacian statuton, ni same sendus telegramon al la nova Ŝtatestro. La forigo de sendo de saluttelegramo nun, ĵus en nia jubilea jaro, estus ja politika ago, kiun ni ne rajtas plenumi. Ĉiuokaze, se la kunsido devus aprobi tiun forigon, tiu decido estus kompletigota per la forigo de la titolo de honora prezidanto, kiun akceptis Princo Leopoldo.

**S-ro Van der Biest** diras, ke tion ni ne rajtas fari.

**S-ro Schoofs** opinias, ke la honesteco kaj lojaleco postulus tiel agi.

**S-ro Jaumotte** daŭrigas, dirante, ke principe estas la sama afero. Nur la dua propono ŝajnas tro kruela, ĉar temas pri persono. Nun pri la personaj kaj lingvaj kritikoj, ni diru, ke la dividiga laboro de la flandremuloj, kiuj nun gvidas la movadon, ne estas inspirita de lingvaj priokupoj. La divid-agado jam komenciĝis antaŭ kvar kvin jaroj, kiam en « La Verda Stelo » kvar komitatanoj forlasis tiun komitaton, (kies grandega plimulto restis fidela al la Ligo), por starigi A. P. P. K. kaj aliajn frakciojn similspecajn. Tiam tute ne temis pri lingvo. En 1928 dum la Antverpena Universala Kongreso eĉ ne jam temis pri lingva demando, sed nun, por regajni iom da vivo, kaj por pli bone kaj pli facile erarigi la samideanojn neavertitajn en aliaj lokoj, la kontraŭligaj elementoj metis sur la tuta afero lingvan etikedon. Funde tamen ĉio estas afero de persona malŝato, de persona malamikeco kaj ĵaluzeco.

**S-ro Faes**, delegito de « La Verda Stelo », aldonas, ke, pro la fakto ke la punkto estis metita sur la tagordon de tiu ĉi kunveno, la grupestraro ankaŭ diskutigis la temon en ĝenerala kunveno de lia grupo, kaj ke neniam la membroj tiom miris pri la diskuto de tia temo, ol kiam la prezidanto anoncis tiun punkton de la tagordo. Ĉiuj unuanime opinias, ke la Ligestraro same kiel la grupestraroj devas ĉiam esti singardaj kaj ne starigi politikajn agojn, kaj ke tiuj estraroj mem plej bone trovos la vojon por kontentigi la membrojn. Neniu propono por ŝanĝi la sintenadon de la Ligo estis farita. Jen la situacio en tiu urbo, en tiu urbo, en tiu grupo, en kiu tamen la situacio devus esti la plej malfacila.

**S-ro De Kegel** (el Aalst) senkulpigas sin ĉar li ankoraŭ nur reprezentas sin mem. La aliaj membroj decidis eksiĝi el la Ligo. S-ro De Kegel eksiĝis tiel kiel prezidanto de la grupo, sed promesas formale, ke li daŭrigos sian por-ligan kaj por-esperantan laboron. La grupo ankoraŭ ŝuldas monon al la Ligo, ĉar ĝi mendis abonojn kaj ricevis diversajn numerojn. Li atentigis pri tio la kasiston, kiu ĝis nun ne volis pagi la menditaĵojn. De nun kompreneble S-ro De Kegel ne plu kapablas estis responda pri tiu ŝuldo al la Ligo.

**S-ro Leflot**, delegito de « Liera Stelo », kontestas diraĵon, laŭ kiu la

Liera Grupo ankaŭ dezirus eksiĝi el la Ligo. La Liera Grupo restas fidela al la Ligo.

S-ro **Kempeneers**, delegito de « Brusela Grupo », deziras deklari, ke kiam tiu grupo metigis la punkton sur la tagordon, kiam ĝi aprobis la raporton de S-ro Van der Biest, ĝi esperis, ke, kun multe da bonvolo niaflanke, oni eble povus ankoraŭ alveni al bona rezulto. Post la donitaj klarigoj, li tute aliopinias, kaj li kredas, ke nome de S-ro Van der Biest kaj de la delegitoj de la Brusela Grupo, li rajtas proponi, ke la Ligo ne sin okupu pri la tute dividiga demando, ke ĝi « fosu sian sulkon » ne atentante la atakojn kaj laboru por la plej granda bono de nia movado.

Ĉar neniu plu deziras la parolvicon pri la diskutata temo, **la prezidanto** petas, ke, konklude, la kunveno montru la sekvotan vojon per decido pri la du principaj demandoj starigitaj de li en la komenco de la priparolado.

La kunveno unuanime akceptas jenan rezolucion :

« La Komitato de Belga Ligo Esperantista, aŭdinte la klarigojn de la Ligestraro kaj post ĝisfunda diskutado, unuanime aprobas la ĝisnunan sintenadon de la Ligestraro rilate al la nacia lingvo uzota ĉe la oficialaj akceptoj ĉe la urbestraroj, kaj decidas unuanime, ke por la bono de Esperanto en Belgujo, Belga Ligo Esperantista devas daŭrigi la ĝisnunan kutimon pri peto de oficiala akcepto ĉe la urbestraro de la kongresloko elektata de la Ligestraro laŭvice en la flandra kaj en la valona parto de la lando ».

Per dua decido « la Liga Komitato konfirmas sian deziron, ke la oficiala akcepto ĉe la urbestraro okazu en la lingvo de la regiono; komisias la Ligestraron, fari ĉion eblan por atingi la plenumon de tiu deziro; deklaras, ke, se post ĉiuj eblaj klopodoj, tiu deziro ne estus plenumata, la Ligestraro tamen devas akcepti la inviton kaj respondi per la lingvo nacia uzata de la gastiganta urbestraro ».

Tiam, la **Prezidanto** esprimas la deziron, ke la Komitato retenu la proponon de S-ro Van der Biest pri sendo de delegitoj al la gvidantoj de la flandrema movado por ekzameni la situacion, kaj peti, ke ili klare formulu siajn riproĉojn kontraŭ Belga Ligo Esperantista.

Post diskutado, en kiu partoprenis multaj ĉeestantoj, la kunveno akceptas la proponon kaj petas, ke S-roj Oscar Van Schoor kaj Louis Ritschie, el Antverpeno, akceptu la ĉi supran mision.

**6. Ekzameno pri profesora kapableco.** — a) **Programo :** Estas decidate, lasi al la juĝantaro la aranĝon de la ekzamenoj laŭ la direktivoj al ĝi donitaj de la Komitato. b) **Reelekto de la juĝantaro :** Estas akceptata la propono de la Ligestraro, ke unu efektiva juĝanto kaj unu anstataŭanto estu elirantaj kaj reelekteblaj de la Komitato ĉiujare, komence de 1931. La sorto montros la vicon de la elirontoj. La unua elekto okazos en la unua komitatkunveno de 1931.

**7. Oxford-Antaŭkongresoj.** — La Ligestraro daŭrigas studi la aferon, tamen pro diversaj faktoj la organizo en Lieĝo kaj Antverpeno de tiuj antaŭkongresoj estas tre malfaciligata.

8. **Reelekto de la Ligestraro.** — La Komitato aklame reelektas: S-ron Frans Schoofs, prezidanto; S-rojn Leon Cogen kaj Paul Kempeneers, vicprezidantoj; S-ron Henri Petiau, ĝenerala sekretario; S-ron Maurice Jaumotte, kasisto.

9. **Diversaĵoj.** — La Prezidanto komunikas, ke, laŭ klopodoj de S-ro Lavisse, agema ano de la Brusela grupo, la samideanoj, komercistoj kaj industriistoj, povos signigi sian nomon per steleto en la franca adresaro « Didot-Botin » kaj en la belga « Annuaire du Commerce et de l'Industrie ». La interesatoj tuj sendu al la Ĝenerala Sekretario de la Ligo siajn nomon, adreson kaj aliajn necesajn informojn.

Neniu plu petante la parolvicon, la prezidanto, post danko al la ĉeestantaj komitatatanoj, fermas la kunsidon je la 14a horo.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — « La Verda Stelo ». — Sabaton, 15an de Februaro okazis en « Brasserie de la Bourse », la diplomdisdono je l'honoro de la gekursanoj de Fino Jacobs, kiuj akiris sian diplomon : Fino Geirnaert, S-ro Covens, S-ro De Wit kun la plej granda merito; F-ino Fiten, S-roj Boers, Janssens kaj Versaevel kun merito kaj F-ino Boddaer, S-roj Meeuwes kaj Wolfstijn, kiuj sukcesis. Tiun vesperon multe interesigis S-ro Prezidanto Jaumotte, kiu parolis pri la « Ligo de Nacioj, ĝia efiko ĝis nun kaj verŝajna efiko en la estonteco. Intima dancado bonege finigis la vesperon.

Sabaton la 22an, de Februaro, «Verda Stelo» organizis sian Masku kaj Kostumbalon en la brila salono « Cecil ». Tie plej bone sin amuzis, kiel ĉiam la gemaskitaj vizitintoj.

La 1 de Marto okazis amuza kunveno kaj kantlernado gvidata de S-ro H. Boffejon.

La 8an de Marto, post dua kunvoko laŭstatuta, estis elektitaj de la Ĝenerala jar-kunveno, prezidata de S-ro Fr. Schoofs. S-rojn E. De Coster, M. De Ketelaere, A. Faes, M. Jaumotte, F. Schoofs kaj G. Vermandere kiel Administrantojn, kaj S-rojn M. Bolsius kaj L. De Hondt kiel komisarojn por nova periodo de tri jaroj.

Poste la membroj priparolis detale la tagordon de la kunveno de la Komitato de Belga Ligo Esperantista, kiu okazos la 23an de Marto.

La 11an de Marto malfermiĝis nova perfektiga kurso, kiun gvidas S-ro Morris De Ketelaere. Ĝin partoprenas 30 gelernantoj.

La 15an, S-ro Schoofs agrablis la vesperon per antaŭlegado el la libreto «Mateo Falcone» de Prosper Mérimée kaj el «Prozo Ridetanta» de Raymond Schwarz.

La 22an la membroj feste kunvenis okaze de la diplomdisdono al la jenaj lernintoj el la kurso de S-ro G. Bastiaenssens : F-inoj Mariette Smolders, Hilda Van Rickstal, Alice Smolders kun plej granda merito, F-inoj Th. Van Damme, Stella Van Creveld, Juliette Vorst kun granda merito, F-ino Tilly Zwartverwer kun merito kaj F-ino Maria Van Ockel

kun sukceso. Profesoro kaj lernintinoj ricevis la merititajn gratulojn de la prezidanto, S-ro M. Jaumotte. La bela festeto finiĝis per plej gaja dancado.

Mardon la 25an estis malfermita nova kurso gvidata de F-ino Maria Jacobs. Enskribis sin por ĝi dudek novaj gelerlantoj.

La 29an, dum la ordinara ĝenerala kunsido, la membroj aŭdis raporton pri la komitatkunveno de Belga Ligo, okazinta la 23an en Bruselo; ili unuanime aprobis la prenitajn decidojn.

La unua kunveno de Aprilo, la 5an, enhavis amuzan parton, dum kiu oni organizis lingvajn konkursojn, kaj kantlernadon por kies aranĝo entuziasme sin dediĉas S-ro H. Boffejon. Tiu kunveno ĝuis eksterordinaran ĉeeston de pli ol kvardek membroj. Je la fino tute neatendite vizitis ĝin esperantista piedmigranto (globe trotter) S-ro Maguire, venanta el Aŭstralujo.

La 12an de Aprilo S-ro Willy De Schutter plej agrable paroladis pri sia pasintjara vojaĝo en norda Hispanujo kaj speciale pritraktis la tieajn torludojn. La detaloj teknikaj pri tiuj ludoj, multe pliinteresigis la paroladon. Plej meritita estis la danko, kiun esprimis S-ro Jaumotte, je la nomo de la aŭskultintoj, al la simpatia oratoro.

BRUĜO. — La 18an de februaro okazis tre bone sukcesinta humora vespero. La 25an, speciala kunveno pri U. E. A. prezidata de S-ro Poupeye, kiu anstataŭis F-inon Thooris, malhelpatan. Li bone klarigis al la ĉeestantaro la celon de nia universala asocio, montris la servojn de ĝi farataj al la esperantistaro kaj alvokis ĉiujn fariĝi anoj de U. E. A.

BRUSELO. — **Brusela Grupo Esperantista.** — La 3an de Februaro okazis la ordinara monata parolata ĵurnalo.

Dimanĉon la 16an, dank'al la afabla aranĝo de nia bona samideano S-ro Jean La Haye, la Bruselanoj havis la okazon viziti la instalaĵojn de la « dispatching sistem » en la stacidomo de Bruselo (norda). Tiu vizito estis vere interesplena dank'al la sciencaj klarigoj kiujn donis la gvidanto al la partoprenintoj.

Lundon la 17an la Grupo havis sian monatan ĝeneralan kunvenon.

La 3an de Marto la grupanoj havis sian monatan ĝeneralan kunvenon. Sekvantan semajnon S-ro Lavisse klarigis, ke li sukcesis interesi la firmon kiu eldonas la «Annuaire de l'Industrie et du Commerce » pri Esperanto kaj diris, ke la estraro estas preta aldoni post la nomo de tiuj, kiuj deziros, steleton kiu indikas, ke la koncerna persono parolas Esperanton.

La 24an la bruselaj samideanoj aŭdis la raporton, kiun faris D-ro Kempeneers, vic-prezidanto de Belga Ligo Esperantista, pri la kunveno de la estraro de la Ligo, kiu okazis dimanĉon la 23an.

La lastan tagon de la monato, la programo enhavis amuzan vesperon.

La unua kunveno de Aprilo estas dediĉata al la monata parolata ĵurnalo.

Sed antaŭ tiu ordinara kunveno okazis speciala plej interesa vesper-

festeto en lernejo nº 3 de Bruselo, 116, rue Rempart des Moines, okazê de vizito de du hungaraj samideanoj al la bruselaj esperantistoj.

S-roj Lukacs kaj Puskas, kiuj ambaŭ vigle partoprenis la organizadon de la XXIa Internacia Universala Kongreso de Esperanto en Budapest, vizitis Bruselon, kie ili alvenis jaŭdon la 3an de aprilo, matene. D-ro Kempeneers, S-roj Brihay kaj Lavisse afable akompanis niajn amikojn kaj montris al ili la ĉefajn vidindajojn de la ĉefurbo. Vendredon la 4an, je la 20.30 h. la du hungaraj samideanoj faris paroladon unue pri la historio de Hungarujo, poste pri la lando kaj pri la ĉefurbo Budapest. Dum la parolado pri historio, S-ro Puskas montris multajn diapozitivojn, kiuj helpis la aŭskultantaron, kompreni la klarigojn donitajn. Parolante pri la lando kaj pri Budapest, S-ro Lukacs montris belegan filmon kaj dum la filmo trakuris, li aŭdigis kelkajn el la plej karakterizajn ariojn de hungara muziko, per gramofono.

Tiu parolado havis grandan sukceson. Ĉeestis eĉ ne esperantistoj inter kiuj unu el la personoj de la oficistaro de la hungara legacio en Bruselo. D-ro Kempeneers faris mallongan tradukon franclingvan de la klarigoj de la hungaraj samideanoj, por ke la neesperantistoj povu tute bone kompreni.

Ni profitas la okazon por redanki ankoraŭ foje S-roj Lukacs kaj Puskas por la agrablaj horoj kiujn ili havigis la niaj bruselaj amikoj.

GENTO. — La grupo kunvenis regule ĉiumerkrede.

La granda arta festo okazinta la 15an de marto plej bone sukcesis dank' al la kunhelpo de nia sindonema Samideano S-ro Advokato Paul Mast kun sia bonega simfonio kaj al partopreno de la orkestro de « balalaïkas » de klubo de fremdaj studentoj « La Corde ». Tiu festo estis vera arta regalo!

La 26an de marto nova kurso komenciĝis kun dudeko da gelernantoj.

HASSELT. — La nova grupo, definitive starigita, aliĝis al B.L.E. Ĝi plej sukcese daŭrigas sian propagandan laboron.

KORTRIJK. — Niaj tieaj amikoj akiris novan gravan sukcesson. La urbkonsilantaro voĉdonis monsubtenon de 1.000 frankoj por la Esperanto-kursoj senpage organizitaj de la grupo sub la gvidado de S-roj Debrouwere kaj Génin. Krom tio, ĝi disponigis ankaŭ senpage belan kursejon en la urbdomo. Ni plej kore gratulas niajn Kortrijkajn gesamideanojn pro tiu bela rezultato esperante, ke multaj aliaj komunumoj sekvos tiun belan ekzemplon!

LIEĜO. — La Lieĝanoj plej ageme laboras por la organizado de nia proksima nacia kongreso. La programo estas plej alloga kaj ni varme konsilas al ĉiuj senprokraste sendi sian aliĝon.

LOVENO. — La ĵus restarigita grupo aliĝis al B. L. E. Ĝi plej praktike organizas sian propagandon kaj la akiritaj rezultatoj estas tre kontentigaj. Estas certe, ke post nelonge ni kalkulos en Loveno unu el niaj plej gravaj grupoj.

NIEUWPOORT. — La grupo nun bone organizita ankaŭ aliĝis al

B. L. E. La nova kurso plej kontentige funkciadas kun dudeko da gelernantoj.

WATERSCHEI (Limburgo). — F-ino Adamkova, kiu tiel bone propagandis en Winterslag, devis neatendite transloĝi al Waterschei, kie ŝi tuj metis sin al la laboro kaj baldaŭ malfermos Esperanto-kurson. Ni deziras al nia sindonema samideanino plej bonan sukceson.

# GRATULOJ

Al Fraŭlino **Jeanne Van Bockel** kaj **S-ro Charles Van der Veken**, ambaŭ membroj de « La Verda Stelo », Antverpeno, kiuj geedziĝis la 2an de Aprilo.

Al **S-ro Willem De Koning**, membro de « La Verdo Stelo », kies filino Hilda edziniĝis la 26an de Aprilo kun S-ro Frits Moors.

Al **S-ro Jan R. Vanhoenacker**, membro de «La Verda Stelo», kies filino Elza edziĝis kun S-ro Inĝ. Georges Van Noorbeeck, el Bruselo, la 28an de Aprilo.

Al **Gesinjoroj Van den Abeele**, gemembroj de la Bruĝo Grupo, al kiuj naskiĝis filineto Anaise.

# NEKROLOGO

S-ino **Denaux**, patrino kaj bopatrino de Gesinjoroj Rooze-Denaux, gemembroj de la Bruĝa Grupo, mortis la 28-1-30.

F-ino **Yvonne P. F. Frederickx**, 18 jara fratino de S-ro Alphonse Frederickx, mortis en Hoboken, la 17an de Marto.

S-ino **V-ino Mathilde-Eugenie Vandevelde-De Poorter**, patrino de S-ro Clotaire Vandevelde, komitatano de B. L. E., mortis en Gentbrugge la 2an de Aprilo, 78 jar-aĝa.

S-ino **Livina Maria Torfs**, la 81 jara avino de S-ro Willem Cauwenberg, membro de « La Verda Stelo », la ĉefrolulo en la teatra prezentado de « Hamleto» okaze de la 20a Kongreso de Esperanto, mortis en Antverpeno la 30an de Aprilo.

Al niaj funerantaj samideanoj kaj al iliaj familiaj ni prezentas niajn plej sincerajn kondolencojn.

# EL LA PROGRAMOJ DE LA GRUPOJ

ANTVERPENO. — **« La Verda Stelo ».** — Kutima kunvenejo : « Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France. Jarkotizo : Fr. 25,—. Poŝstĉeko : nº 726.54. Telefono : 543.34.

**Sabaton, 17 Majo** : je la 21a en « Witte Leeuw » : Ĝenerala monata kunveno.

**Sabaton, 24 Majo** : je la 21a en « Witte Leeuw » : Parolado de S-ro K. Amerynckx.

**Sabaton, 31 Majo** : je la 21a en « Witte Leeuw » : Intima kunveno.

**Sabaton, 14 Junio** : je la 21a en « Brasserie de la Bourse», Twaalfmaandenstraat, rue des Douze-Mois, Diplomdisdono al la diplomitaj gekursanoj de S-ro Hector Vermuyten.

**Sabaton, 21 Junio** : je la 21a en « Witte Leeuw»: Parolado S-ro H. Boffejon.

BRUĜO. — « **Bruĝa Grupo Esperantista** ». — Kunvenejo : Hôtel du Cornet d'Or.

**Mardon, 20 Majo** : Ortografia ekzercaĵo. Prezido F-ino Thooris.

**Mardon, 27 Majo** : Societaj ludoj. Prezido : S-ro Poupeye.

BRUSELO. — « **Brusela Grupo Esperantista** ». Kunvenejo « Salons Modernes », rue Augusta Orts, 24. Poŝtĉekkonto : 1230.48. Jarkotizo Fr. 30,—.

**Dimanĉon, 18 Majo** : sub gvidado de S-ro Kempeneers, prezidanto de la grupo, vizito al la Brugman' a Hospitalo. Kunveno je la 14½ antaŭ la pordo de la hospitalo, 4 placo Van Genechten, Jette.

**Lundon, 19 Majo** : Amuza vespero.

**Lundon, 26 Majo** : D-ro Van der Biest faros raporton pri tre interesa libro ĵus aperinta. Aranĝoj pri la nacia kongreso en Lieĝo.

---

## 22a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**El Bultenoj N° 4, 5, 6.** **8 Febr., 7 Marto, 9 Aprilo.**

**Aliĝiloj** : Haveblaj ĉe la Direktoro de « Belga Esperantisto ».

**Blinduloj** kaj ties gvidantoj ricevos kongres-karton senpage, sed iliaj aliĝoj devas esti aprobitaj de S-ro W. P. Merrick (adreso : Penso, Shepperton, Middlesex, Anglujo).

**Garantia Kapitalo** atingas ĝis nun £. 116.-.-.

**Donacoj**: jam ricevite: £ 4.10.6.

**Blindula kaso**: jam ricevite : £. 40.3.3.

**Glumarkoj** desegnitaj de S-ro W. H. Matthews, estas nun haveblaj. Prezo por 100 : unu ŝilingon.

**Fakkunvenoj** jam arANĝitaj : 4 Aŭg. : Nov-Spirito, Blinduloj, Internacia Polica Ligo, Bahaa, Film-prelego por kuracistoj. 5 Aŭg. : Instruistoj (T. A. G. E.), Pacifista Ligo, Framasonoj. 6 Aŭg. : Scienca Asocio, Kristana Ligo, Apotekistoj, Unuiĝo de Esp. Virinoj. Aliaj organizontoj frue anoncu siajn dezirojn.

**Faka Literaturo aŭ propagandiloj** ne estos disdoneblaj en la Kongresejo aŭ en iu oficiala kunveno. Pri libereco tiurilate en fakaj kunvenoj oni sin turnu al la koncernaj organizantoj.

**Somera Universitato** : Ĝenerala temo estos « Lingvo kaj Vivo ».

Provizora programo :

Lundon, 4 Aŭg. : Oficiala malfermo. « La nekonata Mozart » (kun muzika ilustro) S-ro P. Bennemann.

Mardon, 5 Aŭg. : « Internacieco en la vortaro de konstruita lingvo; ĝiaj utiloj kaj limoj » Prof. W. E. Collinson.

Merkredon, 6 Aŭg. : « La Elementoj de la eŭropa vort-trezoro » Prof. B. Migliorini. « Evoluo de la poezia lingvo Esperanto » D-ro K. de Kalocsay.

**Mendilo por loĝado kaj ekskursoj :** Jam dissenditaj. Nericevintoj petu ilin de la Sekretario. L. K. K. ne povas garantii loĝejon por tiuj, kies loĝmendilon ĝi ne ricevis antaŭ la 1-a de Julio.

**Pasportoj :** Ĉiu ano vojaĝanta al la kongreso el alia lando bezonos nacian pasporton, sed el multaj landoj oni ne bezonos vizon. Por preciza informo oni sin turnu al la plej proksima pasport-oficejo.

**(La kongresanoj ne-belgaj, kiuj devos traveturi Belgujon kaj kiuj, pro sia nacieco, estas ankoraŭ submetataj al la formalaĵo de la belga konsul-vizo, povos akiri specialan vizon por eniro kaj restado unumonata en Belgujo, kontraŭ pago de 1,25 or-franko. La interesuloj tiucele sin turnu al la belga Konsulo en la regiono de sia loĝloko).** Noto de Red. « B. E. ».

**Diservo :** La kongresa Diservo okazos en la Universitata Preĝejo laŭ la permeso de la Episkopo de Oxford. Prediko de pastro D-ro Grahame Bailey, de Londono Universitato.

**Antaŭ kaj Postkongresaj ekskursoj :** LKK. aranĝas: antaŭkongresan ekskurson (28 Julio-1 Aŭg.) al Bournemouth kaj Insulo Wight, kaj postkongresajn ekskursojn al la Laga Regiono, al Devon kaj al Hampshire kaj Insulo Wight. Plenaj mendiloj kun detaloj dissenditaj kun la loĝmendiloj.

**Postkongreso en Londono :** provizora programo : 9 Aŭg. : komuna lunĉo, gvidataj vagadoj, vespera festkunveno; 10 Aŭg.: gvidataj vagadoj (en kaj ĉirkaŭ Londono), demonstracio en publika parko Hyde, Diservoj, ĝenerala kunsido kaj koncerto; 11 Aug. : aŭtomobilaj ekskursoj. Pluaj detaloj sekvas. La kotizo estas fiksita je 3 ŝ. (manĝoj kaj ekskursoj aparte pagotaj). Aliĝiloj dissenditaj; nericevintoj petu ilin de S-ro R. E. Fry, 1 Swaby Road, Londono, S. W. 18.

**Fervoja rabato : Rabato sur la Belgaj Fervojoj. Individua rabato de 35% sur la prezo de la veturado de iu belga stacio al Ostendo kaj de Ostendo al iu belga stacio estas konsentita al la belgaj kaj alilandaj kongresanoj por iri al- kaj reveni de la kongreso. Por akiri tiun rabaton ili prezentos en la forvetura stacio aŭ en la unua limstacio belga, specialan identeckarton por la alveturo kaj alian por la reveturo. Tiuj kartoj estos validaj de la 25a de Julio por la alvojaĝo kaj ĝis la 31a de Aŭg. por la revojaĝo. La interesataj kongresanoj bonvolu peti tiujn identeckartojn kontraŭ sendo de 1 respondkupono de la poŝto aŭ de U. E. A., al Belga Ligo Esperantista, 60, St. Lievenslaan, Gento (Belgujo), antaŭ la 25a de Julio. Ili samtempe sciigu la numenon de sia kongreskarto kaj la nomon de la belgaj forvetur- aŭ enirstacioj de sia al- kaj reveturo.** (Aldono de « B. E. »).

**Tendaro** : Estas malpermesate tendi en la urbo mem. Speciala tendloko aranĝota de la L. K. K. troviĝos proksimume 5-7 km. for el la urbo kaj estos atingebla per aŭtobuso, kiu funkcias ĝis la 22a h. Ĉiu tendanto devas alporti la proprajn necesaĵojn kaj tendon.

**Remado, naĝado, laŭnteniso, ktp.** : En Oxford estas bonaj lokoj por tiuj kaj aliaj sportoj. Detaloj estos en la Kongreslibro.

**Aliĝoj** : Jam 439 el 21 landoj. (Anglujo 271, Aŭstrujo 1, Belgujo 12, Ĉehoslovakujo 1, Danujo 2, Francujo 15, Germanujo 46, Hispanujo 1, Hungarujo 5, Irlando 1, Italujo 4, Japanujo 1, Jugoslavujo 3, Kimrujo 4, Nederlando 14, Polujo 15, Saarteritorio 2, Skotlando 35, Svedujo 2, Svisujo 2, Usono 2.). Poste L. K. K. sciigis, ke je la 2a de Majo la nombro de la aliĝoj estis 505.

---

# CENTJARA JUBILEO DE BELGUJO

## UNIVERSALA EKSPOZICIO DE ANTVERPENO

### PRI KOLONIOJ, MARVETURADO KAJ FLANDRA ARTO.

APRILO - OKTOBRO 1930.

La ekspozicio estis solene inaŭgurita de la Reĝo, la 26an de Aprilo. Ĝi estas brila sukceso kaj montras sin inda sekvanto de la du antaŭaj similaj manifestadoj organizitaj de la Skeldurbo en 1885 kaj 1894. Aliurbaj kaj alilandaj Esperantistoj estas kore invitataj viziti ĝin.

La Esperantistaj grupoj kaj la Esperantistoj de Belgujo kaj de aliaj landoj, kiuj deziras veni al la ekspozicio de Antverpeno, bone faros, anoncante sian viziton al la loka grupo de Belga Ligo Esperantista « La Verda Stelo », kies membroj faros ĉion eblan por zorgi pri ĉiuspecaj koncernaj servoj kaj pri kondukado en la ekspozicio kaj en la urbo.

Adreso : « **La Verda Stelo** », S-ro **A. Faes**, Sekretario, **Schoenmarkt, 16/1, Marché aux Souliers, Antverpeno.**

---

## CIRKULERO DE LA KOMISIONO POR RADIO-STATISTIKO

Sekve de nia « Oficiala Informo n-ro 1 » mi ricevis grandan nombron de skribaĵoj kaj ne estas eble al mi, danki ĉiun per speciala letero. Mi vidas el tio, ke la intereso pri la Radio-sfero inter la esperantistaro estas grava kaj ĝojas min des pli, ĉar multaj skribintaj deklaris sin pretaj, kunlabori en Radio-aferoj. La enirinta kaj enironta materialo estos statistike prilaborita kaj tiam publikigata.

Estimata samideano ! Mi bone ricevis ankaŭ vian sendaĵon kaj dankas speciale pri ĝi. Mi volas rimarki, ke ni ne postulos multon de

vi, sed ni faras praktikan seriozan laboron kaj devas havi la garantion, ke niaj kunlaborantoj nepre kaj ĉiuokaze subtenos nin. Ni sole postulos de vi la skribadon de unu poŝtkarto pomonate al iu adreso pri temo sciigota al vi. Adreso kaj temo estos publikigataj en la gazeto « Heroldo de Esperanto» kaj en la «Esperanto-Radio-Programo»(*) kaj subskribata de mi aŭ S-ro Matthews en la nomo de la S. O. S.-Ligo. Sed mi ankoraŭfoje volas akcenti, ke ni nepre kalkulos je via konstanta helpo kaj petas vin, en ĉi tiu monato kiel unua karto sendi al mi informon pri la sekvantaj demandoj:

1. Ĉu vi estas preta sendi promonate poŝtkarton al iu adreso, destinita de la Komisiono?
2. Ĉu vi estas abonanto de «Heroldo» aŭ ĉu vi povas ĝin legi regule?
3. Ĉu kaj kiom da Esp.-dissendoj vi aŭskultis posemajne en ĉi tiu vintro?
4. Kiajn Esp.-dissendojn vi ĝenerale aŭskultis ĉiusemajne?
5. Al kiuj Radio-stacioj aŭ Radio-parolantoj vi sendis leterojn aŭ poŝtkartojn en la lastaj monatoj?
6. Kia Radio-sendstacio dissendis laŭ via opinio la plej interesajn Esperanto-dissendojn?
7. Kiu Radio-parolanto estis komprenebla la plej bone laŭ via opinio?

Estimata kunlaboranto! Eble la unua aŭ la alia el niaj demandoj ne plaĉos al vi. Bv. ne ĝeni vin. La tutan nur havas statistikan valoron por prijuĝi kialoke ni unuavice devos labori.

Prez. : J. Jungfer, Lindenstr., 10, Lübben (Spreewald) Germ.

---

Niaj legantoj certe memoras, ke Internacia Centra Komitato de la Esperanto Movado, en kooperado kun Internacia Unio de Radiofonio, starigis komisionon por radiostatistiko, kies tasko estos speciale prilabori la por ni tiel interesan radio-kampon.

Belga Ligo Esperantista kalkulas je ĉies helpo por, kiel eble plej, sukcesigi la laboron de la menciita komisiono kaj petas do ke ĉiu posedanto de radio aparato havigu al ĝi, kiel eble blej baldaŭ respondon al la ĉi subaj demandoj :

1. Ĉu vi havas sendstacion amatoran?
2. Ĉu vi posedas radioricevilon?
3. Ĉu ĝi funkcias per galeno aŭ per lampoj?
4. Nombro da lampoj?
5. Kiujn disaŭdigstaciojn vi kapablas aŭskulti?
6. Ĉu vi estas preta helpi nian movadon laŭpove je ĝia laboro sur la radio kampo?
7. Nomo kaj adreso.

(*) Tiu programo aperos en B. E. N° Junio.

# DIVERSAJ KOMUNIKOJ

**Poŝta novaĵo de Liĥtenstejno.** — La registaro de l'Princlando Liĥtenstejno decidis aperigi poŝtkartojn kun bildoj de tiu ĉi pentrinda lando. Laŭ la ekzemplo de aliaj landoj la klariga teksto de la vidaĵoj estos skribata en germana lingvo kaj en Esperanto; tio lasta okazas por altiri la intereson de fremlandaj turistoj al la lando. I. E. S.

Esperantistoj, kiuj vidis publikigon de tiu informo en sia gazeto bonvolu sendi la koncernan eltranĉaĵon al nia redakcio.

**Esperantistoj de Antverpeno !** Ĉu vi jam en «Grands Bazars Réunis» Verda Placo, 32, aĉetis la bonan razoklingon «Espero» ? De vi dependas ĉu tiu klingo kun verda stelo plue estos vendota tie. Tial aĉetu kaj rekomendu ĝin.

**Parolanta Filmo.** — La ĝenerala sekretario de la Internacia Centra Komitato en Ĝenevo sciigas al ni, ke laŭ ricevita informo, la unua parolanta filmo en Esperanto produktita de la Paramount-Tamous-Lake Corporation, Trines Square, New-York, estos post nelonge disaŭdigata en preskaŭ ĉiuj landoj de Eŭropo, en Aŭstralio, Japanujo kaj Brazilo. Estas anoncite, ke oni atente rimarkos la sukceson de la filmo en fremdaj landoj kaj eble sekvigos al ĝi aliajn. La ICK do tre rekomendas al ĉiuj propagandistoj atenti pri apero de la filmo en sia urbo kaj petas informi ĝin kaj la nacian societon de la koncerna lando pri la impreso. Sendo de decforma gratula letero al la Kompanio laŭ la supre notita adreso ne restos senefika. Ne sendu poŝtkartojn kaj leterojn kiuj aspektas malserioze.

**Turisma Karavano Esperantista de la Tri Lagoj.** — De la 27 Aŭg. ĝis 2 Sept. la itala Esper. Federacio, interkonsente kun Brita Esp. As. kaj Itala Kompanio de Turismo, kaj kun aprobo de ICK, organizas belan vojaĝon: Lugano, Como, Brunate, Milano (Itala Esperanto-Kongreso), lago de Como, ekskurso al la tri lagoj (Varese, Laveno, Stresa, insuloj Boromeo, Pallanza, Intra Luino, Ponte Tresa, Lugano. La prezo por tiu vojaĝo estas nur 5 st. funtoj (ĉ. 875 belg. fr.) kaj enhavas ĉiujn trinkmononojn loĝkoston, manĝojn, gvidadon k.t.p. Kiu interesas sin por la partopreno en tiu karavano bonvolu sin anonci al la sekretario de nia Ligo : St. Lievenslaan, 60, Boulev. St. Liévin, Gento.

**Interparolo per senfadena telefono en Esperanto** okazis la 3an de Aprilo inter -Sro A. Couto Fernandes, prez. de Brazila Ligo Esp., el Rio de Janeiro, kaj S-ro E. Houbart, direktoro de la franca Gazeto « La Movado ». Tiu unua rekta interparolado Esperanta per senfadena telefono bonege sukcesis. La plej gravaj gazetoj el Rio de Janeiro kaj Sao Paŭlo notis la fakton.

**Deziras korespondi :**

D-ro K. Ishiara, Shimotojo-Mura ; Katogun Hyogoken ; Japanujo, deziras korespondon kun belgaj fraŭlinoj.

S-ro William Brady, 22 Tonnsend Str., Belfast, Irlando, serĉas korespondon per il p. k. kun belga fraŭlo aŭ fraŭlino.

# BIBLIOGRAFIO

**BIBLIOGRAFIO DE INTERNACIA LINGVO.** — Historia sistema katalogo de filologia, lingvistika kaj poliglota literaturo pri universala alfabeto, filozofia gramatiko, signaro, gest-lingvo, pasigrafio, internacia helpa lingvo kaj logistiko. Kompilis kaj komentaris P. E. Stojan, licencito en sciencoj. 560 paĝoj 16x24,5 cm. Prezo: Sv. fr. 12,50 (B.fr. 87,50). Eldonis 1929 Bibliografia Servo de Universala Esperanto-Asocio, Tour de l'Ile, Genève.

Nia samideano Stojan prezentas al ni la rezultaĵon de — en nia tempo — preskaŭ ne plu imagebla pacienco. En la jus aperinta monumenta verko li kompilis ĉiujn eldonajojn, kiuj rilatas al la historio de la mondlingvo. Lia studo pritraktas kaj katalogas 6333 eldonaĵojn, dividitaj laŭ sistema indekso en tri partoj, kies detalojn ni donas ĉi sube por ke la leganto havu ideon pri la giganta laboro de la kompilinto :

Unua parto: antikva periodo, poligrafoj antaŭ Leibniz, Leibniz, logistiko kaj algoritmo, universala gramatiko, universala alfabeto, internacia, stenografio, gestlingvo, simboloj kaj signaloj, ĉifroj kaj kodoj, pasigrafio,greka kaj latina lingvoj, franca kaj angla,aliaj naciaj lingvoj, opinioj de famuloj, scienco kaj helplingvo, lingvistiko kaj helplingvo, lingvista materialo, filologia kaj poliglota verkaro, tekniko de helplingvo, organizo de helplingvo, Delegacio, I.A.L.A., historio de helplingvo, diversaĵoj. Tiu parto enhavas la 1855 unuaĵn numerojn.

Dua parto pritraktas nur Esperanton per n-oj 1856 ĝis 5680: lerniloj, vortaroj, propagandiloj en 42 naciaj lingvoj, plurlingvaj studiloj, fakaj terminaroj, gazetaro ; traduka literaturo amuza kaj faka, legolibroj, originala literaturo amuza kaj faka, kongresoj, muziko, adresaroj, kalendaroj, organizo, UEA ; historio, bibliografio, filologio de Esp., kritiko kontraŭ Esp., reformoj en Esp., Antido.

La tria parto, kun n-oj 5681 ĝis 6333 temas pri aliaj artefaritaj lingvoj: Solresol, Volapük, Spelin, Spokil, Neutral, Ido, Ro, Romanal, Occidental, Hom-Idyomo, Medial, Novial, Serva, k.t.p., plie specimenaj tekstoj en 64 lingvoj artefaritaj.

Gravan servon faris Stojan al la scienco de la universala lingvo, el kiu rezultis nia lingvo Esperanto. Kun la kompilinto ni ja ripetas: « Se la plimulto de la materialo aperas nun precipe dank'al la esperantistaro, spirite kaj morale nia verko respegulas la tutan mondlingvan movadon, kun ĉiuj ĝiaj opinioj kaj sektoj, partioj kaj sekcioj,kune konsiderataj kiel eroj de unu granda ĉeno. Komparo de tiuj eroj, ŝajne disĵetitaj en la tempo kaj tra la spaco, kondukas al la konstato ke Esperanto ne aperis subite, kiel « deus ex machina », kiel izola produkto de unu homo, sed ke ĝi kristaliĝis iom-post-iom, absorbante sin mem el la favora medio, kaj profitante konscie aŭ nekonscie el la antaŭaj laboroj de antikvaj epokoj. »

Ni bedaŭras ,ke la modesta kadro de nia gazeto ne permesas pli detale pritrakti la laŭdindan laboron de nia samideano Stojan, al kiu ŝuldas dankon ne nur la tuta Esperantistaro sed ĉiu studanto kaj studonto de la mondlingva problemo, por kiuj lia libro estos la plej utila dokumentaro ĝis nun aperinta.

# Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

**18, Rue Neuve, 18 — LEDEBERG - APUD - GENTO**

TELEGRAF-ADRESO: "PERFECTA„ GENT

TELEFONO: 635

---

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj.

Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.

Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.

Stupo. Kaŭĉuko. Klapoj. Rimenoj.

Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

(107)

---







CIF AL ĈIUJ HAVENOJ

**Niaj asbest-cementaj ardezoj, platoj ebenaj kaj ondoformaj multe uzataj estas por kontraktoj**

de la

**Belga Ŝtatfervoja estraro:**

TIO GARANTIAS ILIAN BONEGAN KVALITON

---

**Fabrikejo de Gipso - Cementaj Tegoloj kaj Kaheloj**

**Brikoj - Ter-tegoloj - Flandraj argilaĵoj**

# Scheerders-Van Kerchove's

VEREENIGDE FABRIEKEN *(Naamlooze Vennootschap)*

**SINT-NIKLAAS (Waas) - Belgujo**

(120)